mes libres, se sont dit que nul effort — du moment qu'il était désintéressé — ne devait être rejeté sans plus.

Et ceux-là se sont occupés des concurrents de l'Esperanto. Ils ont examiné l'Idiom neutral, succédané du Volapuk ; l'Universal du docteur Molenaar de Munich, le Latine sine flexione du bon mathématicien Peano de Turin, le Nov-latin du Docteur Beckman, l'Apolema de Monsieur Raoul de la Grasserie, membre de l'Institut de France, pour ne citer que les plus marquantes parmi les solutions complètes présentées en concurrence avec la création de Zamenhof.

Il va de soi que si des concurrents sérieux se sont présentés dans la lice où nous, espérantistes, avons si bien bataillé, il ne pouvait s'agir d'imiter à leur égard l'attitude de l'autruche, qui, *dit-on*, croit qu'en cachant sa tête dans le sable on ne la distingue plus à l'œil nu.

La qualité de l'Esperantistujo doit être d'être une terre de liberté et de justice.

Si parmi les reproches que ses concurrents faisaient à l'Esperanto il s'en trouvait de justifiés, *le devoir*, le devoir aussi simple qu'absolu des partisans de la « sankta ideo » était d'en tenir compte.

Par « sankta ideo » entend-on l'organisme en lui-même ? Ou bien la possible entente internationale grâce à cet instrument linguistique, quel qu'il soit.

La réponse n'est douteuse pour personne.

Dès lors le devoir « internationalement social » de chacun était de chercher le moyen de faire entrer dans l'Esperanto les améliorations qu'on pourrait tirer de l'examen de ses concurrents. Zamenhof lui-même a prévu que des améliorations, voire des réformes, pourraient être apportées à l'Esperanto.

Mais, pour éviter que ces réformes ne soient apportées sans mesure, au hasard des idées ou des goûts personnels, le maître demanda qu'on eût patience et qu'on retardât la mise au point de l'Esperanto, jusqu'au jour où une autorité suffisante fournirait au monde espérantiste l'appui suffisant et nécessaire pour que les améliorations puissent être apportées à la langue sans rompre l'unité qui a jusqu'ici caractérisé l'Esperantistaro.

Zamenhof n'avait pas fixé ce qu'il entendait par cette autorité suffisante.

Ce fut seulement au dernier jour du Congrès de Boulogne que fut lu un texte modifié, par lequel on garderait l'Esperanto netuŝebla, neŝanĝebla, jusqu'au jour où il aurait été admis officiellement par les gouvernements des pays principaux, et où ces gouvernements,par une loi spéciale, garantiraient à l'Esperanto l'existence, la mise en usage et toute résistance aux disputes ou aux caprices personnels.

***

Je n'ai pu assister au Congrès de Boulogne où l'on jura d'observer cette étrange condition de progrès et de réussite.

Mais de nombreux amis qui y assistèrent, avaient la conviction qu'on avait pris engagement pour le texte lu le premier jour du Congrès et qui parlait non des Gouvernements et d'une loi d'exception, mais d'une autorité suffisante.

nenia peno — se ĝi estas malprofitema — devas esti forĵetita, sen io plie.

Kaj tiuj ĉi esploris la konkurantojn de Esperanto. Ili ekzamenis Idiom Neutral, elvenanta de Volapuk; la Universal de doktoro Molenaar el München, la Latine sine flexione de la fama matematikisto Peano el Turino, la Nov-latin de doktoro Beckman, la Apolema de Sinjoro Raoul de la Grasserie, membro de la Franca Instituto, por nur citi la plej indajn inter la plenaj solvoj prezentitaj kiel konkurantoj de la kreaĵo de Zamenhof.

Kompreneble, se seriozaj konkurantoj sin prezentis en la areno, kie ni, esperantistoj, tiel brave bataladis, ni ne povis imiti, kontraŭ ili, la sintenadon de la struto kiu, *oni diras*, opinias, ke kaŝante sian kapon en sablo, oni tuj ne plu vidas ĝin.

La kvalito de l' Esperantistujo devas esti ke ĝi montras al ni kampon de libereco kaj de justeco.

Se, inter la riproĉoj, kiujn ĝiaj konkurantoj faris al Esperanto, iaj estus praviĝitaj, *la devo*, la devo tiel simpla kiel absoluta de la samideanoj de la « Sankta ideo » kuŝis en esploro de ili.

Ĉu pri « Sankta ideo » oni komprenas la lingvan organismon mem ? Aŭ la eblan internacian interkonsenton starigeblan dank'al tiu lingvilo, kia ajn ĝi estus.

Por neniu, la respondo estas duba.

Pro tio, la devo « internacie socia » de ĉiu kuŝis en esploro de rimedo por enigi en Esperanto la plibonigojn, kiujn oni povis eltiri de la ekzameno de ĝiaj konkurantoj.

Zamenhof mem antaŭvidis ke plibonigoj, eĉ reformoj povus esti enkondukotaj en Esperanto.

Sed, por eviti ke tiuj reformoj ne estus enkondukataj nemezure, hazarde laŭ personaj ideoj aŭ gustoj, la Majstro petis ke oni havu paciencon kaj ke oni prokrastu la plibonigon de Esperanto ĝis la momento kiam sufiĉa aŭtoritato prezentus al la Esperantista mondo, la sufiĉan kaj necesan apogon por ke la plibonigoj povu esti enkondukotaj en la lingvo sen rompi la unuecon kiu, ĝis nun, karakterizis la Esperantistaron.

Zamenhof ne fikse difinis tion, kion li opiniis pri tiu sufiĉa aŭtoritato.

Nur okazis, dum la lasta kunveno de la Kongreso de Boulogne, ke oni legis ŝanĝitan tekston, per kiu oni anoncis ke Esperanton oni konservos netuŝeblan, neŝanĝeblan, ĝis la tago kiam ĝi estus akceptota oficiale de la registaroj de la ĉefaj landoj kaj kiam tiuj registaroj, per speciala leĝo, garantius al Esperanto, la ekziston, la uzadon kaj ĉiujn defendojn kontraŭ la disputoj aŭ la personaj kapricoj.

***

Mi ne povis alesti al la Kongreso de Boulogne, kie oni ĵuris observon de tiu stranga kondiĉo de progreso kaj de sukceso.

Sed multaj amikoj, kiuj alestis, havis la konvinkon ke oni promesis laŭ la teksto legita dum la unua tago de l' Kongreso, kiu parolis ne pri la registaroj kaj pri escepta leĝo, sed pri sufiĉa aŭtoritato.

Même Zamenhof avait dit :

« Si contre toute attente un jour il apparaissait « que, par une autre voie, l'idée de la langue auxi- « liaire internationale pourrait être réalisée mieux, « plus sûrement et plus rapidement que par l'Es- « peranto, alors l'auteur de l'Esperanto se rallierait « à cette autre voie et avec lui aussi, peut-on espé- « rer, tous les espérantistes ».

Voici ce qui était à la fois sage et logique.

Comme il était sage et logique d'attendre, pour mettre l'Esperanto au point, qu'on put trouver une autorité suffisante.

Mais on a transformé les mots « autorité suffisante » en « appui des gouvernements principaux, et loi spéciale de protection de l'Esperanto ».

Par une telle exigence on rend, à mon sens, totalement impossible la moindre modification et l'on dut arriver à prétendre que l'Esperanto n'était plus une langue artificielle mais était devenue une langue naturelle qu'il faut laisser évoluer naturellement : et l'on se mit à faire appel à la « règle de l'usage », c'est-à-dire à la codification de la fantaisie et de l'illogisme.

Si l'Esperanto ne reste pas strictement artificiel, nous ne pouvons avoir aucun doute, il va droit à sa perte.

Quant à compter, pour sa mise au point, sur les gouvernements, il faut une certaine dose de bonne volonté pour voir là-dedans une proposition sérieuse.

Pour notre compte, voici comment nous nous représentons l'entrevue entre les partisans d'une langue auxiliaire et les gouvernements :

*Les partisans de la langue auxiliaire.* — Voici le résultat de nos travaux, de nos longs efforts ; le moment est venu pour vous, gouvernements, de soutenir officiellement la langue que nous vous présentons.

*Les représentants des gouvernements.* — Voilà une bonne affaire ; après tant d'essais et de projets divers, vous nous apportez donc le système parfait, le système par excellence, immuable....

*Les partisans.* — Euh ! Euh ! immuable ? pas tout à fait.

*Les représentants.* — Comment, pas tout-à-fait ?

*Les partisans.* — Vous savez ! les langues ! çà évolue ; la nôtre a bien encore besoin de quelques retouches. Nous ne nous sommes pas entendus entre nous pour les donner ; nous laissons cela à votre compétence gouvernementale.

*Les représentants.* — Et vous voulez que ce soit nous, des profanes en la matière, qui mettions votre langue au point ! Mais malheureux ! ce n'est que quand vous aurez fait vos preuves de perfection quasi-absolue que nous pourrons avoir l'audace de vous emboîter le pas. Mais sûrement pas avant ! Sûrement pas ! On voit que vous n'êtes pas gouvernement pour nous conseiller de nous compromettre de gaieté de cœur. Allez donc tout d'abord sur le métier remettre votre ouvrage ; polissez-le sans cesse et le repolissez. »

Voilà comment je me représente l'entrevue.

Et j'en conclus qu'il est indispensable que nous mettions nous-mêmes l'Esperanto au point.

Eĉ Zamenhof estis dirinta :

« Sed se kontraŭ ĉiu atendo iam montriĝus, ke « per ia alia vojo la ideo de lingvo internacia povas « esti realigita pli bone, pli certe kaj pli rapide ol « per Esperanto, tiam la aŭtoro de Esperanto aliĝos « al tiu nova vojo kaj kune li espereble ankaŭ ĉiuj « esperantistoj. »

Tio estis samtempe saĝa kaj logika.

Tiel ankaŭ estis saĝa kaj logika atendi, por plibonigi Esperanton, ke oni povu trovi sufiĉan aŭtoritaton.

Sed oni aliformigis la vortojn « sufiĉa aŭtoritato » en « apogo de la ĉefaj registaroj kaj speciala leĝo pri protekto de Esperanto ».

Per tia postulo, laŭ mia sento, oni igas tute neeblan, la plej negravan ŝanĝon kaj oni konklude pretendis ke Esperanto ne estas artefarita lingvo, sed fariĝis natura lingvo, kiun oni devas lasi evolucii nature ; kaj oni ekvokis helpon de la « regulo pro uzo », estas diri de la leĝarigo de la fantazio kaj de la nelogiko.

Se Esperanto ne restas precize artefarita, pri la rezultato ni de dubas, ĝi rekte iras al sia pereo.

Pri helpo de la registaroj por la plibonigo de ĝi, kompreneble oni povas akcepti tiun proponon nur kun fantazio.

Laŭ nia opinio, jen kiel ni riprezentas al ni la intervidiĝon inter la partianoj de helpanta lingvo kaj la registaroj :

*La partianoj de helpanta lingvo.* — Jen la rezultato de niaj laboroj, de niaj daŭraj penadoj ; la momento estas taŭga por ke vi, registaroj, oficiale subtenu la lingvon, kiun ni prezentas al vi.

*La riprezentantoj de la registaroj.* — Jen la taŭga afero ; post tiom da provoj kaj diversaj projektoj, vi alportas do al ni la perfektan sistemon, la superĉian taŭgan sistemon, neŝanĝeblan.......

*La partianoj.* Ho ! he ! Neŝangebla ? ne tute.

*La riprezentantoj.* Kial, ne tute ?

*La partianoj.* Kompreneble ! la lingvoj ! tio evolucias ; la nia bezonas ankaŭ kelkajn korektojn. Ni ne konsentis, inter ni, por ilin enkonduki ; tion ni dediĉas al via registara kompetenteco.

*La riprezentantoj.* Kaj vi postulas ke ni, profanuloj pri tio, ni plibonigu vian lingvon !

Sed, nekonsciuloj, kiam vi montros al ni pruvojn de perfekteco preskaŭ absoluta, nur tiam ni kuraĝos antaŭeniri kune kun vi. Sed certe ne antaŭ vi ! tutcerte ne ! Oni bone vidas ke vi ne estas registaro por konsili al ni, ke ni nin kompromitu tiel facile.

Iru kaj sur la laborilo remetu vian laboraĵon ; poluru ĝin kaj ĝin repoluru. »

Tiel mi antaŭvidas la intervidiĝon.

Kaj mi konkludas ke ni mem devas perfektigi Esperanton.

Dans les articles qui paraîtront dans Belga Sonorilo, nous présenterons à nos lecteurs les reproches faits à l'Esperanto, et les remèdes proposés.

Nous prions chacun de lire ces articles en homme libre, non en fétichiste. Quand nous aurons exposé l'ensemble des griefs faits à l'Esperanto actuel, nous publierons les observations et remarques que nos lecteurs voudraient bien nous envoyer.

Nous croyons répondre à la nécessité qui s'impose de mettre le monde espérantiste au courant de choses dont beaucoup ne se doutent pas ; et nous croyons que le respect dû à la conscience de chacun exige l'exposé que nous comptons faire, afin que chacun puisse juger et apprécier « *Sponte sua* ».

B. S.

En la artikoloj, kiuj aperos en Belga Sonorilo, ni prezentos al niaj gelegantoj la riproĉojn montritajn kontraŭ Esperanto, kaj la proponitajn rimedojn.

Ni rogas ke ĉiu legu tiujn liniojn, kiel libera homo, ne kiel fetiĉamanto. Kiam ni estos montrintaj la sumon de la plendmotivoj kontraŭ la nuna Esperanto, ni publikigos la observojn kaj rimarkojn, kiujn niaj gelegantoj bonvolos sendi al ni.

Tiel ni opinias, ke ni respondas al la neceso, sciigi al la Esperantista mondo, aferojn pri kiuj ĝi eĉ ne konscias ; kaj ni opinias ke la respekto, kiun ni devas al la konscienco de ĉiu, postulas la plenan esploron, kiun ni intencas fari, por ke ĉiu povu juĝi kaj opinii « *Sponte sua* » (propramove).

B. S.

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA

### KELKLINIAJ NOVAĴOJ.

La specialaj revuoj daŭras propagandi Esperanton; inter ili ni devas ŝate citi la revuojn pri militaj sciigoj. La franca revuo « *Armée et Marine* » enhavas gravan artikolon : Esperanto kaj Ruĝa Kruco kaj reproduktas la fotografaĵon de la Kunveno de la Ruĝa Kruco en Cambridge.

La revuo « *Armée et Démocratie* » komencis serion da taŭgaj artikoloj pri la lingvo. La dana (?) revuo « *Krig* & *Fred* » enhavas ankoraŭ artikolon kaj ekzemplojn.

Dum la 19ª oktobro, grupo de Esperantistoj fondis en Paris la « Nacia Komitato por propagandi Esperanton en la « Franca Ruĝa Kruco ». Post starigo de la estraro, oni sendis saluton al D^ro Zamenhof, kiu respondis.

La almanako Hachette-Lebègue enhavas en sia literatura fako artikolon pri « La Progresoj de Esperanto ». Tiu almanako estas tre disvastigita kaj ĝia propagando estos certe tre fruktodona.

La « Dana Esperanto Oficejo » en Kopenhago, — tiel la adreso estas plena — anoncas sian fondon kaj sian laboron por la homara demando : Internacia helplingvo; ni rekomendas ĝian peron al niaj gelegantoj.

La malamikoj de Esperanto ofte argumentas ke la franca lingvo estas la vera internacia lingvo ĉar ĝi estas la diplomatia lingvo. Tie kuŝas tre grava eraro ĉar oni ĝentile uzas la francan lingvon kiam nur la Franclando estas interesita; plie tio ne estas regulo.

La hungara ĵurnalo « Esperanto » transformiĝis kaj elektis nun la titolon « La Verda Standardo ». Ĝi estas organo de la Hungara Esperantista Societo kaj de la Adriatika Ligo Esperantista; plie ĝi estos monata kaj ilustrita. La abonjaro estas 4 kronoj (1,68 spesm.). La redakcio estas en Budapest, IX., üllöi-ut 59, IV., 8. Tio estas tre facila por memori.

Nia kunfrato « Pola Esperantisto » malprave diras : « La ĝisnuna historio de Esperanto instruas nin, ke ni ne povas kalkuli je helpo de regnestraroj aŭ iaj sciencaj komitatoj... ! » Tio nur pruvas ke nia kara kunfrato ne konas la ĝisnunan historion.

Oni scias ke S^roj Ĉefeĉ kaj G. Moch multe diskutis kaj eĉ verkis pri la elparolado de vokaloj kaj neniam interkonsentis. En « Lingvo Internacia » P. C. diras : « la legantojn mi trankviligos pri la « problemo » de la esperanta parolado, rimarkigante, ke en la esperantaj kongresoj, S^roj Ĉefeĉ kaj Moch tute same parolas kaj perfekte interkompreniĝis, malgraŭ la malsameco de iliaj teorioj. Ili eĉ tute same parolas — mirinda afero ! — kiel tiuj kongresanoj, kiuj havas nenian teorion pri la esperanta elparolado ! »

MOZANO.

### BELGA LIGO ESPERANTISTA

La komitato de la Belga Ligo Esperantista kunvenis en sidejo de la grupo « Pioniro » en Bruselo dum la dimanĉo 24ª de Novembro.

Ĉeestis la kunvenon : S^ro Komandanto Ch. Lemaire, prezidanto, S^roj A. Van der Biest kaj L. Blanjean, vicprezidantoj, Fraŭlinoj Lecointe kaj Guilliaume, S^roj Seynave, Champy (delegito el Antverpeno), Calais, Chalon, Mathieu, Palmer, Coox kasisto kaj Jos. Jamin, sekretario. Kelkaj personoj, invititaj de a prezidanto ankaŭ ĉeestis ; inter ili ni citu : S^ro Decq, prezidanto de la grupo en Spa kaj S^ro Spies prezidanto de la societo « Espero » de Liége, Fraŭlinoj De Luyck, Simon, Hoffman ; Leŭtenantoj Cardinal, Giminne, k. c.

Sendis avizon pro foresto : S^roj Van Melckebeke, Vermeulen, Witteryck, Van Weyenbergh de la Komitato ; S^roj De Troyer kaj Sloutzky. Komandanto Mengal, el Lierre, eksiĝis de la Liera Grupo kaj ne estis anstataŭigita.

La prezidanto prezentis al sia aŭdantaro la nunan staton de la ago de la Delegacio por alpreno de internacia helpanta lingvo kaj la proponojn ĝis nun deciditajn de la Komitato de la Delegacio. Li ankaŭ esploris rapide la nunan staton de Esperanto kaj la plej rimarkindajn projektojn prezentitajn al la Delegacio. La Belga Sonorilo enhavos serion da artikoloj, kiuj prezentos la ĉefajn temojn de la parolado de Komandanto Ch. Lemaire.

Tial mia misio estas malpliigita. Fine oni decidis ke ĉiu membro de la Liga Komitato esploros detale la dokumentojn pri la proponitaj reformoj kaj en proksima kunveno, kiam ĉiu membro povos tion fari kompetente, oni diskutos kaj argumentos pri ili.

*La Sekretario,*
Jos. JAMIN.

# KRONIKO DE LA GRUPOJ.

**Bruxelles.** — Sous les auspices de l'administration communale d'Ixelles, le groupe « Pioniro » organisa la belle conférence qui eut lieu le 19 novembre à l'école n° 13 (Petite Suisse), à Ixelles. De grandes affiches annonçant la causerie de M. Cardinal avaient été placées partout dans le faubourg.

Nombreuses furent les personnes qui répondirent à l'appel du « Pioniro ». Parmi elles était M. Cocq, échevin de l'instruction publique à Ixelles.

La conférence du vice-président du groupe espérantiste de Bruxelles fut vraiment scientifique, humoristique et très persuasive. Aussi, les adhésions au cours qui va bientôt s'ouvrir sont-elles nombreuses.

M. Cocq remercia chaudement M. Cardinal et il promit que l'administration communale, tout aussi bien que lui-même, serait toujours pour aider aux idées de progrès.

Comme on peut le voir par l'ordre de service publié dans le présent numero de la B. S., M. Cocq a déjà tenu parole. Mais, n'en doutons pas : ce n'est qu'un commencement; cet homme éclairé est aussi un homme d'action !

**Antwerpen** — *Esperanto bij de jongelingschap.* — Op Maandag 18 November voerde de heer Frans Schoofs, voorzitter van « la Verda Stelo », het woord over Esperanto bij den oud-leerlingenbond der gemeenteschool nr 16. De spreker verhandelde zijn onderwerp met veel talent en wist zijne aanhoorders ten volle te overtuigen.

In een woord, een groote bijval !

*Voordracht van Professor Frans Swagers in de Volksuniversiteit.* — Een bijzondere melding verdient de propaganda-avond van 21 November ! Vóór een zeer aandachtig publiek, waaronder vele dames, handelde de heer Frans Swagers over het ontstaan der talen, de geschiedenis der internationale idiomen, de verschillende taalstelsels, het wezen en de werking der taalwetten, het wiel van Grimm en eindelijk over... de schoonheid van Zamenhofs geestesvrucht.

Gedurende twee uren wist hij zijne toehoorders te boeien met gen te vergasten op gansch nieuwe bijzonderheden ; hij deed ze lachen om het lustige taalstelsel Sol-re-sol en wierf zonder twijfel nieuwelingen aan door zijn gloedvollen lof van het esperantisme. Het publiek spaarde zijne toejuichingen niet. Ten slotte nam de heer De Bosschere, secretaris der Volksuniversiteit, het woord om den werkzamen schrijver van « la Ĉiutaga Vivo » te danken en geluk te wenschen.

Over de voordracht van den heer Swagers verscheen in het dagblad « Le Matin » een zeer gunstige en zaakrijke beoordeeling.

**Charleroi.** — Le 11 Novembre, M. le Comt Lemaire a donné dans cette ville une conférence organisée par *l'Association des Elèves et Anciens Elèves de l'Ecole Industrielle Provinciale Supérieure* dans la grande salle de la Bourse. Cinq cents personnes, toutes appartenant au monde intellectuel, ont écouté avec le plus grand intérêt l'orateur et l'ont

**Bruselo.** — Kun la helpo de l' komunuma estraro de Ikselo, la grupo « Pioniro » organizis la belan paroladon kiu okazis la 19an de Novembro en la lernejo n° 13a (Malgranda Svisujo) en Ikselo. Grandaj afiŝaj videblaj en ĉiuj partoj de l' antaŭurbo anoncis la paroladon, farotan de Sro Cardinal.

Multnombraj personoj respondis la alvokon de « Pioniro ». Inter ili estis Sro Cocq, skabeno de l' publika instruado en Ikselo.

Scienca, humora kaj tre konvinka estis la parolado de la vicprezidanto de l' Brusela grupo « Pioniro ». La aliĝoj al la baldaŭ malfermota kurso estas jam multnombraj.

Sro Cocq dankis varme Sron Cardinal kaj promesis ke la komunumo Ikselа kiel li mem ĉiam estos sur la vojo por helpi la antaŭeniradon de l' progreso.

Kiel oni povas vidi per la deĵora ordono publikigata en la nuna numero de B. S., Sro Cocq plenumis jam sian belan promeson. Ni ne dubas ke tio estas nur komenco, ĉar tiu klerulo estas agema viro !

**Antverpeno.** — *Esperanto ĉe la junularo.* — Lundon, la 18an de Novembro Sro Frans Schoofs, prezidanto de la « Verda Stelo », paroladis pri Esperanto antaŭ la ekslernantaro de la komunuma lernejo n° 16.

La parolinto tre talente pritraktis sian subjekton kaj plene konvinkis sian aŭdantaron.

Unuvorte, granda sukceso !

*Parolado de Profesoro Frans Swagers en la Popola Universitato.* — Rimarkinda propaganda vespero, la 21an de Novembro ! Antaŭ tre atenta publiko, inter kiu multo da sinjorinoj, Sro Frans Swagers klarigis la devenon de la lingvoj, la historion de la internaciaj idiomoj, la diversajn lingvosistemojn, la estadon kaj la funkcion de la lingvaj leĝoj, la radon de Grimm kaj fine... la belecon de la Zamenhofa elpensitaĵo.

Dum du horoj li paroladis, senenuigante sian aŭskultantaron per multaj tutnovaj detaloj, ridigante per la gaja sistemo Sol-re-sol kaj sendube varbante novulojn per sia fajra laŭdo pri esperantismo. La aŭdantaro aplaŭdigis. Fine, la sekretario de la Popola Universitato, Sro De Bosschere, varme dankis kaj gratulis la ageman aŭtoron de « la Ĉiutaga Vivo ».

Tre favora kaj detalplena raporto pri la parolado de Sro Swagers aperis en la ĵurnalo « Le Matin ».

AMATUS.

**Charleroi.** — Je la 11a de Novembro, Komo Lemaire faris, en tiu urbo, paroladon organizitan de la « *Asocio de lernantoj kaj eks-lernantoj de la Supera Industria Lernejo Provinca* » en la granda ĉambro de la Borso. Kvin cent personoj, ĉiuj el la mondo intelekta, aŭskultis la parolanton kun plej granda intereso kaj aplaŭdegis lin kiam li estis leginto la

chaleureusement applaudi lorsqu'il leur eut donné lecture de l'hymne « La Vojo ». Parmi les auditeurs se trouvaient : MM. le représentant Buisset, le député permanent Pastur, Devreux, bourgmestre de Charleroi, des conseillers communaux, des officiers, des professeurs et des élèves des diverses institutions.

Le 17 Novembre a été fondé un groupe avec une cinquantaine d'adhérents — dames et messieurs, et de nouvelles adhésions sont attendues. On a décidé la création de deux cours, un le dimanche et l'autre en semaine, et des démarches sont faites pour qu'ils puissent avoir lieu sous le patronage de la Ville dans les locaux de l'Athénée Royal.

Remercions ici la presse locale pour les compte-rendus louangeux qu'elle a faits de cette conférence.

Pour toutes communications, s'adresser à M D. Heyne, 17, rue Roton, Charleroi.

**Laeken.** — La réouverture du cours d'Esperanto, organisé par la « Semanto », eut lieu le vendredi 8 novembre.

M. Blanjean, dans une humoristique causerie, parla du beau succès obtenu par le 3e Congrès et intéressa vivement les auditeurs qui chaleureusement applaudirent le sympathique conférencier.

La première leçon eut lieu le 15 novembre et commença par un exposé de la grammaire espérantiste que fit M. Calais, le dévoué président du groupe.

En quelques minutes et à l'aide de tableaux tracés à l'avance et très bien compris, l'orateur donna toute la grammaire depuis l'alphabet jusqu'à la conjugaison du verbe, sans oublier la formation si simple des mots.

Les élèves tireront le plus grand profit de cet intéressant exposé.

Ensuite M. Blanjean commença sa tâche plus rude et plus longue de professeur, tâche dont il s'acquitte toujours en maître et de tout cœur, et exposa en détail la prononciation.

Les élèves se retirèrent enthousiasmés de cette leçon et bien décidés à revenir chaque vendredi.

**Spa.** — Notre groupe a repris ses cours à l'école moyenne de l'Etat. Il compte une quarantaine de sociétaires. Ce sont pour une large part des adolescents. Il y a un cours pour les débutants, un cours pour les auditeurs de l'année dernière, et des conversations guidées pour les anciens.

Il est regrettable de voir combien la haute portée humanitaire de l'Esperanto semble encore peu appréciée.

himnon « La Vojo ». Inter la aŭdantaro ĉeestis : la gubierna deputato So Buisset, la provinca deputato So Pastur, la urbestro So Devreux, urbaj konsilantoj, oficiroj, profesoroj kaj lernantoj el la divers-gradaj lernejoj.

Je la 17a de Novembro fondiĝis grupo kun kvindeko da membroj — sinjorinoj kaj sinjoroj; novajn aliĝojn oni esperas ricevi. Oni decidis malfermi du kursojn, unu dimanĉe, unu semajne ; oni klopodas por ke ili okazu sub patronado de la Urbestraro en la Reĝa Ateneo.

Ni danku la gazetaron de la regiono pro la laŭdoj kiujn ĝi faris pri la parolado.

Pri la nova grupo, sin turni al So D. Heyne, 17, rue Roton, en Charleroi.

**Laeken.** — La remalfermo de la Esperanta kurso organizata de la « Semanto », okazis vendredon 8an novembro.

Sro Bleanjean, en humoraĵa parolado, raportis pri la bela sukceso de la Tria Kongreso, kaj plene interesis la aŭdantojn, kiuj varmege aplaŭdis la simpatian parolantan.

La unua leciono okazis la 15an kaj komencis per unu ekvidaĵo de la esperantista gramatiko, farita de Sro Calais, la sindona prezidanto de l' grupo.

Dum kelkaj minutoj kun helpo de tabeloj inteligente preparitaj, la parolanto donis la tutan gramatikon esperantan, de la alfabeto ĝis verba konjugacio, sen forgesi la tiel simplan kunmetadon de l' vortoj.

Ĉiuj lernantoj akiros la plej grandan profiton de tiu interesa elmeto.

Poste, Sro Blanjean ekkomencis sian profesoran taskon pli malfacilan kaj longan, kiun li plenumas ĉiam majstre kaj korege, kaj donis detale la ekparoladon.

La lernantoj foriris, entuziasmaj pri tiu leciono, decidiĝantaj reveni ĉiuvendrede.

**Spa.** — Nia grupo rekomencis siajn kursojn en la mezlernejo de la Ŝtato. Ĝi enhavas ĉirkaŭ 40 societanojn. La plimulto estas gejunuloj. Estas kurso por la komencantoj, kurso alia por la aŭdintoj de de la pasinta jaro, kaj gvidataj interparoladoj por la malnovaj grupanoj.

Bedaŭrinde ŝajnas, ke la alta difino humana de Esperanto estas tro malmulte ŝatata.

---

## NEKROLOGIO.

Claes Adelsköld, unu el la unuaj Esperantistoj en Svedlando mortis la 1an de oktobro en Stockholm. Li atingis la aĝon de 83 jaroj kaj estis la unua konstruisto de fervojoj en Svedlando.

Li verkis la unuan muzikon por nia himno « Espero » kaj ĝis la fino, li restis fidelan adepton de Esperanto.

Li ripozu en eterna paco !

## BIBLIOGRAFIO.

*Ĉe Hachette kaj Ko,*
*79, Boulevard St Germain, Paris.*

**Konkordanco de Ekzercaro** de Dro L. L. Zamenhof, ellaboris Alfred E. Wackrill . . . . . . . . . . . . . . .

**La Faraono.** Dua volumo. P. Brus; el Pola lingvo tradukis Dro Kazimierz Bein (Kabe) . . . . . . . . . . . . . .

**N. B.** — Tiuj verkoj apartenas al la Kolekto de La Revuo; bedaŭrinde, eĉ en La Revuo ni ne trovis ian sciigon pri la kosto de la libroj. Ni jam renkontis tiun malfacilaĵon, kaj ni insistas por ke la prezo de ĉiu libro estu montrita sur ĝia koverto por nia recenzo.

Ĉe *L. Couturat,*
*7, rue Pierre Nicole, Paris (5e).*

**Les Nouvelles Langues Internationales**, suite à l'Histoire de la Langue Universelle par MM. L. Leau et L. Couturat. . . . . . . . . . . . . . . fr. 2.50 Spm. 1.00

Ĉe *Librairie de l'Esperanto,*
*15, rue Montmartre, Paris.*

**Esperanto Manuel.** Cours pratique et complet en 15 leçons par Gabriel Chavet et Georges Warnier. . . . . . . . . . . . . . . . fr. 1.00 Spm. 0.40

**Por la Dua Haga Konferenco**, enketo farita ĉe la Internacia Instituto de Paco, tradukis R. Laisney kaj Gaston Moch. . . . . . . . . . . . . . . . . fr. 1.00 Spm. 0.40

Ĉe *Hans Th. Hoffmann,*
*44, Steglitzerstr., Berlin W. 35.*

**Die welsprachen-Bewegung** vor dem Forum sachverständiger Kritik, von Dr W. Borgius . . . pf. 0.80 Spm. 0.40.

Ĉe *Asocio « Paco-Libereco »*
*45, rue de Saintonge, Paris (3a).*

**Antipatriotismo** de Gustave Hervé, tradukis Fi-Blan-Go kaj Ludoviko . . . . . . . . . . fr. 0.20 Spm. 0.08

Ĉe *A. J. Witteryck,*
*4, Nouvelle Promenade, Bruges.*

**Kelkaj Floroj Esperantaj** de A. J. Witteryck.
Serio 1a, numero 5a.
Ĉiu numero : En Belglando : fr. 0.20 Spm. 0.08
En ceteraj landoj : fr. 0.25 Spm. 0.10

Ĉe *Stead's publishing house*
*39 Whitefriars str. E. C. London.*

**La Parizaneto** de R. Kron, tradukis J. C. O'Connor. . . . . . . . . . . . . . . . . . sh. 1.00 Spm. 0.50

---

## PRI NOVAJ VORTOJ.

(Eltirita de la revuo : Lingvo Internacia).

Oni jam skribis, pri la elpenso de novaj vortoj, nekalkuleblajn liniojn, kaj plejofte oni konkludis lasante al ĉiuj ian liberecon. Uzado de nova vorto, oni diras, ne trudas ĝian akcepton.

Sed, tro ofte, bedaŭrinde, eĉ kiam ia nova vorto estas absolute ne necesa, aŭ abomene malbona, la saĝa firmeco de la Esperantistaro estas, kontraŭ ĝi, ne sufiĉa, eĉ neniel taŭga barilo. Por kelkaj Esperantistoj,kiuj alprenos ĝin nur post singardema kritiko, kiel multege da aliaj akceptos senrigarde vorton uzatan en rekomendata verko, kaj tio des pli facile, ju pli la aŭtoro estos fama.

Se la nova radiko proponata estas por ili facile lernebla, kaj precipe se ĝi ekzistas en ilia nacia lingvo, ĝi estos akirata de ili nature, preskaŭ senkonscie. Ili eĉ ne demandos sin, ĉu lernado de nova esprimo, facila por ili, ne estos por multe da aliaj, neutila malsimpligo senkuraĝiga.

Jes, kuŝas en tio danĝero, kaj ĝi aperas neneigeble en tempo, kiam, el la plej klasikaj verkoj, oni povas ĉerpi tiom multe da novaj vortoj, ofte nenecesaj, inter kiuj troviĝas, plej grandproporcie, vortoj senpene kompreneblaj nur de Esperantistoj francaj aŭ perfekte konantaj francan lingvon, pro tiu ĉi kaŭzo, ke la diritaj vortoj estis simple prenitaj el franca vortaro, kaj vestitaj per kostumo internacia. Eĉ, kaj precipe, nefrancaj verkistoj ĉerpas el franca lingvo, kaj ne ĉiam prave. Ili ne serĉas post la franca vorto la latinan radikon, kiu naskis ĝin. Simple ili uzas, kun laŭsona ortografio, kaj finiĝo esperanta, eĉ la francajn vortojn, kiu plej malrekte kaj nelogike devenas de la latina lingvo.

Tiun ĉi sisteman franciĝon de Esperanto, oni ne scius tro multe kritiki. Ĝi neniel beliĝas nian internacian lingvon ; ĝi nur povas ĝin malbeligi por Francoj.

Kial do riĉigi pli malpli lerte per novaj nenecesaj, kiam la radikaro de Zamenhof permesas komponi terminojn senpere kompreneblajn, kiu prezentas klare sin mem, sian devenon, kaj sian sencon ? Kial, pretekstante riĉigi la lingvon jam tiel riĉan oni ĝin malsimpliĝas ?

Niaj klasikaj verkistoj ekzamenu, kaj eble ili konsentos, ke grava danĝero kuŝas tamen en tio, kaj, ke ju pli famaj kaj amataj ili estas, des pli postulanta fariĝas ilia devo.

Se iam la radikoj de Zamenhof ne permesas esprimi ian apartan signifon, ian nuancon, kiu igas novan vorton nepre necesa, oni elektu ĝin zorgeme kaj ĉiam per noto, oni montru ĝian devenon kaj la ĝustan sencon, la precizan nuancon, kiun per ĝi oni volas esprimi.

Ĉiuj verkistoj restos, malgraŭ tio, liberaj, sed, kiam ili devos submeti sin je simila memkontrolo, kaj kvazaŭ antaŭdefendi siajn vortojn kontraŭ la kritiko de la legantoj, verŝajne ne plu eniros en la belan lingvon de Zamenhof, terminoj, kiuj povas nur malutili al ĝi.

Tio ne povus fariĝi por niaj literaturistoj malhelpanta kateno, sed tio altrudis al la tuta Esperantistaro, kiu ilin imitas, se ne leĝon, almenaŭ ekzemplon de saĝa disciplino, necesega por la sukceso de nia ideo.

VICTOR DUFEUTREL.

---

### Ilustrita Revuo TRA LA MONDO.

*Novembro.*

ĜENERALA PLANO KAJ ENHAVO.

**Muziko :** Eduardo Grieg (Norvegujo), de F[ino] *O. Prudent*,

**Sciencoj :** Scienca Kroniko, de *M. Finot* (Francujo). Ulisse Aldrovandi, de *A. Tellini* (Italujo). Claes Adelsköld, de *P. Nylén* (Svedujo).

**Ĉiulandaj kutimoj :** La Kristnaska ŝtipo, el « Memoroj kaj Rakontoj » de *Frédéric Mistral* (Provenco) tradukita de *A. Montrosier*.

**Sportoj :** La vintro en la alta montaro : de *Th. Hopf* (Svisujo).

**Virina paĝo :** La Modo, de *Roksano*.

**Felietono :** Duonsurda, komedio de *Roksano* (Francujo).

**Ĉiulanda literaturo :** Kristnaska rakonto pri blinduloj, de D[ro] *R. I. Kronbauer* kaj *V. Riegel* (Bohemujo).

**Pri Esperanto :** Ĉirkaŭ « la kvara », de *Ch. Barhel* kaj *Sergius Winkelmann* (Germanujo). — Nia ĉiujara festo, de *O. Simon* (Aŭstrujo). — E. V. K. R. de anino (Anglujo). — Bibliografio.

**Miksajoj :** Konkurso, de *Ch. Brunet*.